# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**Nº 2. -- Aprilo 1926.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero** : *0,1 dolaro.* — **Jarabono** : *0,5 dolaro.*
(Vidu por **kotizo al I. S. A. E.** la trian paĝon de la kovrilo malsupre.)




REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Generala Sekretario de I. S. A. E.

**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.

**4, Place de la République**
**LEVALLOIS-PERRET (Seine), France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CHARLES RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROFESORO HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U. S. A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

N° 2. — APRILO 1926

## VIVO DE NIA ASOCIO

**Kotizo.** — *Ni insiste petas niajn membrojn pagi, kiel eble plej frue, la kotizon por 1926 kaj tiujn, kiuj ne ankoraŭ estas subtenantoj profiti la okazon por fariĝi tiaj. Sendu al* S^ro^ ROUSSEAU, 4, PLACE DE LA RÉPUBLIQUE, LEVALLOIS-PERRET (SEINE), FRANCE. — (Chèques postaux Paris 698.55.)

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

1° *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Novembro 1925 ĝis la 1-a de Marto 1926*

**Aŭstrujo**

**Halbedl** (Ad.), advok., 24, Schulgasse, Graz.

**Britujo**

**Lechmere-Oertel** (J. O.), inĝeniero, 258, Kingston Road, Teddington (Midd.).

**Ĉeĥoslovakujo**

**Rambousek** (Vaclav), ĥemiisto, Zborov a/. Ĉeske Budejovice.

**Finnlando**

**Setälä** (Vilho), 71-23 Frederinkink, Helsinki.

**Francujo**

**Balliman**, vitraĵoj kaj glacoj, 5, rue de Provence, Paris.
**Bréguet** (Louis), inĝeniero, 115, rue de la Pompe, Paris.
**Cot**, inĝeniero hidrografisto, 200, rue Saint-Jacques, Paris.
de **Fréminville** (Ch.), 18, rue Pierre-Curie, Paris.
**Kostecki** (Jean), 2, rue Perronet, Paris.

**Germanujo**

**Behrendt**, poŝtkonsilisto, Hohenstaufenstrasse, 24, Berlin W. 30.
S. **Döhler** (Walter), Rosenplatz, 11, Riesa a/ Elbe.

**Hispanujo**

J. **Mangada Rosenorn**, oficiro, 5, Gloriete de Bilbao, Madrid.

### Hungarujo

**de Fenyvessy** (D-ro Béla), kuracisto, Rákocy ut. 80, Pécs.
**Imre** (D-ro Jos.), kuracisto, prof. de Okulatrio, Universitato de Pécs.
**Mansfeld** (D-ro Géza), prof. de Farmakologio, Universitato de Pécs.
**de Rhorer** (D-ro László), prof. de Fiziko, Universitato de Pécs.

### Ĥinujo

**Won Kenn** (D-ro); 15, Hong Kong Chik str., Kanton.

### Italujo

**Federazione Esperantista Italiana**, via Indipendenza, 3, Livorno.
**Kindt** (D-ro Gino), astronomiisto, 101, via San Marco, Pistoia.
**Societa di Chimica industriale**, 10, via San Paolo, Milano.

### Norvegujo

**Paulsen** (R. Bugge), oficiro, Ovre Smestad v. Akker, Oslo.

### Rumanujo

**Fischer** (Henriko), industriisto, 19, Alea Suter, Bucuresti.

### Svedujo

**Akerberg** (Nils), prof. de Botaniko, 10, Hagagatan, Stockholm.
**Ekelin** (Birger. M.), prof. de Matematiko, 9-11, Engelbrektsg, Stockholm.
**Fahlstedt** (Carl A.), lingvisto, 10, Hötorget, Stockholm.
**Folke** (Tornsten), pastro, 12, Kammakareg, Stockholm.
**Gyllander** (Gunnar), prof. de Historio, 100, Djurgardsslatten, Stockholm.
**Jacobsson** (Victor), profesoro, 2, Bredablick, en Lidingö 1.
**Ohlsson** (Carl), instruisto, 22 *b*, Grevturegatan, Stockholm.
**Stälfelt** (M. G.), prof. de Biologio, 34, Dalaĝatan, Stockholm.
**Strömberg** (Ragnar), profesoro, 34, Dalagatan, Stockholm.
**Westerlin** (Johan), prof. de liceo (Filozofio), 5 III Falugatan, Stockholm.

## 2o *Korektoj*

### Britujo

**Williamson** (J.), subtenanto por 1926.

### Ĉeĥoslovakujo

**Fischer** (J.), D-ro, P-ro pri Teologio.
**Ulman** (Fr.), kuracisto kaj oficisto de Ruĝa Kruco.

### Francujo

**Bresson**, eks-oficiro, 18, rue de l'Amiral-Mouchez, Paris.
**Duchochois** (M.), industriisto, direktoro de « Les Glacières Boulonnaises ».
**Eyquem**, forstreki la nomon.
**Magnus-Focké** (S-ino), anstataŭi prof. de muziko per Esperanto-oficejo.
**Sentis** (H.), 11, boulevard Agutte-Sembat, Grenoble.

### Germanujo

**Wüster** (E.), scienca inĝeniero, elektristo kaj terminologo, Schillerstrasse 14, Berlin-Charlottenburg.

### Svedujo

**Jansson** (S.), rektoro, Skagen 23, Lidingo ; fariĝas subtenanto.

# NACIAJ DELEGITOJ

Laŭ propono de la ĝenerala sekretario, la Komitato elektis kiel naciajn delegitojn, la jenajn membrojn, kiuj bonvolas plenumi tiun rolon; pro kio ni ŝuldas al ili grandajn dankojn. Ni ne, ĝis nun, ricevis respondon de kelkaj aliaj, loĝantaj en malproksimaj landoj, al kiuj ni ankaŭ proponis la delegitecon; sed ni esperas, ke ni baldaŭ povos kompletigi tiun liston, jam sufiĉe gravan, kaj kiun ni invitas niajn membrojn uzi kiel alligilon al nia Asocio.

**Aŭstrujo.** — D-ro Ad. Halbedl, 24, Schulgasse, Graz.
**Belgujo.** — C. Vandevelde, Zwart Heirestraat, 230, Gentbrugge.
**Britujo.** — J. O. Lechmere-Oertel, 258 Kingston Rd, Teddington, Middlesex.
**Ĉeĥoslovakujo.** — D-ro St. Kamaryt, Telocvičná, 3, Bratislava.
**Danujo.** — A. Taumose, Mollagade, 25-*a*, Kopenhaven.
**Finnlando.** — V. Setälä, 71-23, Frederinkink, Helsinki.
**Germanujo.** — Behrendt, Hohenstaufenstrasse, 24, Berlin W. 30.
**Ĥinujo.** — W. Kenn, 15, Hong Kong Chik str., Kanton.
**Hispanujo.** — J. Mangada Rosenorn, Gloriete de Bilbao, 5, Madrid.
**Hungarujo.** — P. Balkányi, Hajós utca, 15-II, Budapest VI.
**Italujo.** — D-ro A. Stromboli, Lungarno Regio, 17, Pisa.
**Litovio.** — P-ro Jankowski, Universitato de Kovno.
**Maroko.** — C. V. Richard, rue Jules Raulin, Tanger.
**Nederlando.** — D-ro Baart de la Faille, Roellstraat, 8, Arnheim.
**Norvegujo.** — R. Bugge Paulsen, Ovre Smestad, V. Aker, Oslo.
**Polujo.** — E. Loth, Zamkowa, 26, Pabjanice.
**Rumanujo.** — H. Fischer, Alea Suter, 19, Bucarest.
**Svedujo.** — S. Jansson, Skagen, 23, Lidingo I.
**Svisujo.** — M. Jaccard, rue Voltaire, 9, Lausanne.

En **Francujo,** la ĝenerala sekretario, Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris, plenumas la taskon de nacia delegito.

# UNIVERSALA KONGRESO DE EDINBURGO

(AŬGUSTO 1926)

Ni publikigos la venontan numeron de la Bulteno, antaŭ la unua de Julio, sufiĉe frue por ke niaj membroj certe ricevu ĝin antaŭ ilia foriro al la kongreso, kaj tiamaniere konu la programon de la kunvenoj de nia Asocio.

Ni skribis al la Prezidanto de la Organiza Komitato por ke estu rezervataj du kunsidoj, kiuj, se eble, ne koincidu kun

aliaj, aŭ kun ekskursoj. Plie ni petis nian britan delegiton prepari programon de vizitoj al eminentuloj, al Sciencaj Institutoj aŭ al fabrikejoj.

En la kunsidoj okazos unue ĝenerala kunveno de la Asocio, en kiu oni legos oficialajn raportojn pri la vivo kaj agado de nia Asocio dum la pasinta jaro, kaj ekzamenos la proponojn pri organizado aŭ propagando, prezentatajn de niaj membroj; ankaŭ oni aŭskultos kaj diskutados laŭokaze la sciencajn aŭ teknikajn komunikaĵojn de niaj membroj.

Por ebligi preparadon de la tagordo de tiuj kunsidoj, ni petas niajn membrojn konigi al la ĝenerala sekretario, *S-ro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris,* antaŭ la *unua de junio* venonta, la proponojn kaj titolojn de la komunikaĵoj, kiujn ili intencas prezenti dum tiuj kunsidoj.

Ni sciigas, kun granda plezuro, ke nia eminenta membro S-ro **André Baudet,** membro de la Pariza komerca ĉambro, kiu tiel sukcese organizis la parizan komercan konferencon, estas elektita vic-prezidanto de tiu Ĉambro. Ni adresis al li la gratulojn de la Asocio, kiu ĝojas ne nur pro la simpatio, kiun sentas ĉiuj membroj al ilia kolego, sed ankaŭ pro la certeco, ke nia afero profitos la plian autoritatecon, kiun tiu titolo donos al nia sindonema kaj agema kolego.

Kun profunda malĝojo, ni sciigas pri la morto, okazinta la 27-an de Januaro, de nia kolego kaj amiko **D. Eyquem,** ekskonsilanto de la apelacia kortumo de Parizo. Li estis unu el la plej malnovaj Esperantistoj; li prezidis la Francan Societon por propagando de Esperanto, kaj, per siaj rilatoj kun influaj politikaj personoj, li ricevis gravajn rezultatojn. Ĉiam agema malgraŭ lia aĝo, li estis unu el la plej fortikaj bazoj de la franca movado, kiu, bedaŭrinde, ne plu havas tro grandan nombron da tiaj subtenantoj.

Ni ŝuldas specialajn gratulojn kaj dankojn al nia delegito en Svedujo, S-ro **Rektoro Jansson,** kiu, ne nur fariĝas subtenanto, sed plie varbis dek profesorojn, kiuj aliĝis al nia Asocio. Tiu sukceso estas des pli interesa, ke, kiel oni scias, nia propagando renkontas malfacilaĵojn en tiu lando.

La **Esperantista Grupo de la Touring-Club de France**, decidis, dum speciala kunsido de sia komitato, doni al nia Asocio, monsumon da 800 francaj frankoj, speciale dediĉotan al la agado de la komisiono, starigita de la III-a internacia kongreso de aera navigacio, por enkonduki uzon de Esperanto en aeronaŭtikon. Ĝis nun la Asocio elspezis la necesajn monsumojn, ĉar tiu komisiono ricevis neniun apogon je tiu vidpunkto, de la aera teknikistaro. Je la nomo de nia Asocio, la ĝenerala sekretario varme dankis la komitaton de la Grupo de Franca T. C. F., kies prezidanto estas *kolonelo Paul Renard*.

Ni kore dankas la redaktoraron de **Itala Esperanto Revuo,** kiu, en sia numero de Januaro 1926, publikigas alvokon al starigado de itala sekcio de nia Asocio ; jam aliĝis S-roj A. Stromboli, Orengo kaj Roberto al tiu nova sekcio. Sekvinda ekzemplo !

## AGADO DE NIA ASOCIO

La plej grava Ligo de Germanujo, kiu ampleksas ĉiujn gravajn asociojn de inĝenieroj kaj posedas ĉiujn grandajn firmojn de la elektroteknika fako, k.t.p., la **Germana Ligo de sciencaj kaj teknikaj Asocioj** intencas publikigi teknikan Revuon en Esperanto, kiam estos konstatita ke sufiĉe granda nombro da teknikistoj povos ĝin legi. Tiu revuo estos sendata *senpage* al la donitaj adresoj.

Ĉiuj niaj membroj — kiuj certe deziras efektivigon de tiu projekto, eksterordinare favora al nia afero — estas insiste petataj sendi nomojn kaj adresojn de la teknikistoj, kiujn ili konas, kapablaj legi nian lingvon, aŭ kiuj ŝajnas esti varbeblaj per tia manifestado, al nia germana delegito *S-ro Behrendt*, Berlin W. 30, Hohenstaufen str. 24.

Laŭ propono de nia hungara delegito S-ro **Balkányi,** ni klopodas organizi porpropagandan sciencan bibliotekon sendotan, se eble, por ekspozicio al la gravaj internaciaj kongresoj.

Pro tio, ni sendis la ĉi-suban cirkuleron al ĉiuj gazetoj, kun peto represi, kaj al eldonistoj de esperantaj verkoj :

« Por pli facile propagandi en la Sciencaj kaj Teknikaj
« rondoj, la Internacia Scienca Asocio Esperantista bezonas

« posedi specialan Bibliotekon, konsistantan el ĉiuj libroj kaj « broŝuroj jam eldonitaj en Esperanto pri iu *Scienca aŭ « Teknika* temo; tial ĝi faras alvokon al ĉiu, kaj speciale « al la eldonistoj de Esperantaj verkoj, por ke ili kolektu la « *tiaspecajn* dokumentojn, kaj ilin sendu al la ĝenerala « Sekretario de Scienca Asocio, 35, rue du Sommerard, Paris.

« La Scienca Asocio danke ilin ricevos, kaj repagos la « sendelspezojn al ĉiu malavara donacinto.

« Pri pagotaj libroj, faru proponojn al la Ĝenerala « Sekretario, kiu akurate respondos, ĉu la verko mankas aŭ « ne en la jam ekzistanta dokumentaro ».

Responde tiun cirkuleron, ni jam ricevis la sube montritajn librojn :

De S-ro **Jaccard,** svisa delegito : *Beitrag zur Theorie der Torsion des Humerus,* de François Lambert, broŝuron publikigitan en Lausanne en 1904, kaj kiu entenas resumon en Esperanto kaj mallongan gramatikon de tiu lingvo.

De la firmo **Hirt kaj Sohn** (Leipzig) : *Enciklopedia Vortaro,* de Wüster (I-a kaj II-a parto), kaj *Maŝinfaka Vortaro,* de Wüster.

Ni multe dankas la sendintojn, kiuj malavare donacis ilin al la Asocio.

S-ro **Balkányi** konsilas ankaŭ, ke la delegitoj anoncu al la ĝenerala sekretario la festojn, ceremoniojn, datrevenojn, k.t.p. de sciencaj akademioj, ĉar tio estas favora okazo por gratuli kaj saluti ilin je la nomo de nia Asocio kaj tiamaniere altiri atenton al nia ekzisto. Ni tute aprobas tiun proponon kaj petas niajn naciajn delegitojn atenti pri tiuj okazoj.

Aplikante tiun ideon, ni skribis al la Prezidanto de la *Hungara Scienca Akademio,* pro la centa datreveno de la fondado de tiu grava institucio.

S-ro **D. Carbone** skribas : « ... Mi estas skeptika pri « ĉiuj alvokoj al la registaroj. Por enkonduki Esperanton « en la universitatoj, ni devas nur iĝi privataj instruistoj « (germane : *privat-docent*) pri tiu fako en la koncernaj « fakultatoj, k.t.p. Plue ni devas verki Esperantlingve iujn « sciencajn verkojn; ni devos, okaze de sciencaj kongresoj, « prelegi Esperantlingvajn raportojn, petinte — se necese —

« la koncernan permeson ; ni devas, alivorte, klopodi por
« atingi nian celon en la efektivaj okazoj, ne per teoriaj
« voĉdonadoj kaj tagordoj, kiuj tuj poste malaperas kiel
« nebulo ».

Kun tiu letero, S-ro Carbone sendis artikolon, itale redaktitan, publikigitan en la grava *Rivista di Biologia* (vol. VI, fasc. II).

La Asocio sendis diversajn dokumentojn al S-ro **Peyrefitte,** profesoro ĉe *St-Girons* (Ariège), Francujo, kiu intencas verki tezon por beletristika doktoreco pri internacia lingvo.

## PROGRESOJ

La **Societo pri Studo kaj Vulgarigo de la kampkultura Zoologio** kaj la **Societo « Linnéenne » de Bordeaux** (Francujo), esprimis la deziron, laŭ propono de nia kolego, *S-ro Marly,* ke ĉiuj sciencaj verkoj kaj artikoloj entenu resumon de ilia enhavo, esperante redaktitan.

El la *Revuo Orienta,* numero de Decembro 1925 : « En
« la 13-a tago de Okt. ĉe la fakkunsido de la **6-a Kongreso**
« **de la Ekstrema Orienta Asocio por Tropika Medicino,**
« **okazinta en Tokio,** *D-ro T. Ogata,* prof. de Tokio Im-
« peria Universitato paroladis pri sia studo : « la stado de
« inkubacio ĉe malsanoj pro vitamin-manko » *tute en Espe-*
« *ranto.* Post la parolado tuj stariĝis *D-ro M. Murata* kaj
« li faris mirindan saluton en elokventa Esperanto, rekomen-
« dante al la ĉeestantoj lerni Esp. *D-ro A. Fuĝinami,* prof.
« de Kioto Imperia Universitato, fermante la kunsidon, salutis
« en bela Esp. En la 14-a tago, ĉe la fakkunsido, je la
« 14-a h. *D-ro M. Murata* prelegis, kompreneble en Esp.,
« pri sia utila eltrovo : « la plej simpla metodo por sero-
« diagnozo de sifiliso ». La parolado havis finsaluton, kie li
« enfazis la neeviteblan neceson de Esp., kiel la sola inter-
« komprenigilo en tia internacia scienca kongreso ».

Tre prave niaj japanaj samideanoj aldonas : « Tio estas la plej epokfaranta sceno, kiun iam havis nia propaganda historio », ĉar efektive, la unuan fojon, Esperanto estis uzata en internacia kongreso, por oficiala komunikado.

La **Germana Uniono de la Sciencaj kaj Teknikaj Asocioj,** kiu entenas plej gravajn korporaciojn, publikiĝas, en sia oficiala organo, jam redaktita en angla lingvo (Engineering Progress) kaj en hispana lingvo (El Progreso de la Ingeniero), specialan rubrikon esperante redaktitan.

La tre grava Revuo **l'Index des Industries du Cuir** (100 paĝoj, formato 28/37 cm.), kiu estas sendata al ĉiuj francaj komercaj ĉambroj eksterlanden, kaj legata en la tuta mondo, publikiĝas en la numero de Januaro 1926, artikolon de S-ro *Baudet,* vicprezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro, en kiu li klarigas la celon, utilon kaj konstruon de Esperanto.

Aliparte ĉiuj titoloj estas tradukitaj en anglan, germanan, hispanan lingvojn kaj esperanten.

La fondado de akcia societo **The Esperanto Institute limited** de niaj samideanoj *Boll, Edmonds, Jones, Shelton, Smith* kaj *Wadham* estas teknika fakto, ĉar tiu societo celas komercan agadon. Sed plie ĝi estas tre rimarkinda, eĉ la plej rimarkinda fakto el tiuj, kiuj okazis depost la kreado de Esperanto, ĉar ĝi definitive enirigas nian aferon sur la praktikan kampon, kaj pruvas al la homoj, kiuj daŭrigas konsideri Esperanton kiel idealan celon, ke, de nun, oni provas gajni monon per ĝi. Kaj tio estas pli efika propagandilo ol multaj paroladoj...

## SCIIGOJ

**Instituto de Intelekta Kooperado** estas inaŭgurita en Parizo, dum la monato de Januaro 1926 ; ĝi estas lokita en la « Reĝa Palaco », je la centro de la granda urbo.

Kiel oni scias, kaj kiel diras la statutoj, ĝi estas donata de Francujo je la dispono de la *Ligo de Nacioj* por la *komisiono de intelekta kooperado,* kies « instrumento de laborado ĝi estos ». Ĝi estas organo de kunligado kaj informado pri ĉio, kio interesas la internaciajn intelektajn interrilatojn.

Ĝi estas direktata de administrantaro konsistanta el la membroj de la komisiono, kaj prezidata de franca membro de tiu komisiono. Nun tiu prezidanto estas *S-ro P. Painlevé,*

kiu, kiel oni scias, estas tre favora al Esperanto. La Instituto estas ankaŭ direktata de komitato, elektata de la administrantaro; nun tiu komitato estas prezidata de *S-ro Luchaire*, franco; sed ĝi entenas kvin membrojn de diversaj naciecoj, kies funkcioj daŭradas dum kvin jaroj. Tiuj membroj ricevas neniun salajron.

La Instituto entenas 6 sekciojn :

1^e^ La sekcio de *ĝeneralaj aferoj* okupiĝas pri la demandoj neteknikaj aŭ kiuj interesas kelkajn el la aliaj sekcioj (nome tiu de la internacia lingvo). La direktoro estas *S-ro Zimmer* (Britujo), kaj la helpa direktoro, *S-ro Lougueil* (Usono).

2^e^ La sekcio de la *universitataj interrilatoj* okupiĝas pri la taskoj komencitaj de la « Internacia oficejo de Universitataj sciigoj »; ĝi estas kunligilo de la superaj lernejoj de ĉiuj nacioj kaj publikigas Bultenon. La direktoro estas *S-ro de Halecki* (Polujo) kaj la helpdirektoroj, S-roj *Eisler* (Aŭstrujo) kaj *Busiogiami* (Rumanujo).

3^e^ La sekcio de *Bibliografio kaj de la Sciencaj Interrilatoj* celas plifaciligi la intelektajn interrilatojn per bibliografio kaj kunlaborado en la sciencaj rondoj. La bibliografio devas esti analitika, kaj tio estas ebla nur per publikigado de resumoj en speciala gazeto. La direktoro estas *S-ro von Schulze-Gaevernitz* (Germanujo) kaj helpdirektoro *S-ro de Vos-van-Strenmeck* (Nederlando).

4^e^ La sekcio de *literaturaj kaj artaj interrilatoj* studas la demandojn rilatajn al la kooperado en tiuj fakoj. Ĝi estas apartigata laŭ du sub-sekcioj : la direktoro de la literatura sub-sekcio estas *F-ino Mistral* (Ĉilujo) kaj la helpdirektoro *S-ro Briod* (Svisujo); la direktoro de la arta sub-sekcio estas *S-ro Dupierreux* (Belgujo) kaj la helpdirektoro *F-ino Husama* (Japanujo).

5^e^ La sekcio de *juro* okupiĝas pri la problemoj de tiu fako, kiuj interesas la intelektajn internaciajn interrilatojn. La direktoro estas *S-ro de Villalonga* (Hispanujo) kaj la helpdirektoro *S-ro Meiss* (Francujo).

6^e^ La sekcio de *informado* celas konigi la Instituton al la publiko per publikigado de notoj kaj artikoloj en la tutmonda gazetaro. La direktoro estas *S-ro Prezzolini* (Italujo).

En nia unua numero, ni sciiĝis deziron de nia samideano **M. Dunin** (Moskvo) interrilatiĝi kun ĉiulandaj mikologistoj pro esploro entreprenita ĉe lia laboratorio. En letero, kiun ni ĵus ricevis, S-ro Dunin sciigas, ke tiu deziro estis plenumata, kaj ke li ricevis helpon de samideanoj kompetentaj francaj, italaj, germanaj, svisaj kaj norvegaj. Li esprimas siajn plej korajn dankojn al ĉiuj, kaj alvokas de nove la samfakistojn de Hispanujo, Anglujo, Portugalujo, Svedujo, k. t. p., kiuj ne ankoraŭ respondis sian unuan peton, ĉar la ricevita kunlaborado jam mirigis siajn skeptikemajn kolegojn, kaj pli ĝenerala interhelpo fortege impresus ilin.

Kun granda ĝojo ni ricevis la unuan numeron de la ĵus aperinta **Internacia Medicina Revuo,** kies ĉefredaktoro estas nia kolego *D-ro Vanverts*, el Lille (Francujo), kaj administranto *D-ro Briquet* el la sama urbo. Ĝi estas oficiala organo de *Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio* (T. E. K. A.), kaj havas multenombrajn kaj diversnaciajn kunlaborantojn, inter kiuj kelkajn japanajn sciencistojn, reprezentantajn la medicinajn rondojn de tiu lando, ĉe kiu nun ekzistas rimarkinde vigla esperanta movado.

Ni deziras grandan sukceson al tiu nova gazeto, kies manko estis treege bedaŭrinda por nia propagando.

Ĵus aperis la unua numero de **Internacia Radio Revuo,** *organo de la Internacia Radio Asocio (eldonisto Et. Chiron, Parizo).* Tiu Revuo ĉiumonata, kies ĉefredaktoro estas nia konata samideano *D. Pierre Corret,* prezidanto de Internacia Radio Asocio, alportas al la esperantistaj radioamatoroj realiĝon de jam de longe esprimitaj deziroj, kaj al ĉiuj esperantistoj rimarkindan propagandilon.

Tiu unua numero estas ne nur teknike interesa, sed treege amuziga, eĉ por neteknikistoj. Apud gravaj studoj, kiel tiu de *S-ro René Mesny,* kies verkojn ĉiuj radiistoj konas, troviĝas spritaj artikoloj, kiel la zoologia studo pri la radioamatoro. Ĝis nun ni ne trovis, en teknika revuo, tiel agrablan legaĵon, kaj ni insiste invitas niajn membrojn aboni tiun publikigaĵon, eĉ se ili ne ankoraŭ uzas antenon.

El Ĥinujo ni ricevas gazeton titolitan **The Electric Current** — **La elektra fluo,** kiu estas tute redaktita en ĥina lingvo, sed entenas « Por esperanta-aldono kun raporto de internacia konferenco por uzado de Esperanto en la puraj kaj aplikataj sciencoj ». Tiu gazeto estas publikigata de la « Elektra Instituto » de *Shanghai*.

En la **Revuo Orienta** (Tokio, Decembro 1925) troviĝas artikolo pri « mendelismo », de *Hidemiti Oka*, kiu verŝajne estas teksto de prelego. Rimarkinda estas tiu frazo : « Scienculoj havas ion komunan kun Esperantistoj, kiuj klopodas por la komuna beno de l' homaro el idea kaj lingva flankoj ».

Ni ricevis por presado artikolon de nia kolego *S-ro Marin* (Whiteway) pri *Fonetika transkribado* (Etnografia fako), kaj noton de S-ro **Bonnevie** (Oslo), publikigitan en *Heroldo de Esperanto,* kaj kies represon en nia Bulteno li petas. Tuj kiam ni disponos sufiĉe larĝan lokon, ni plezure kontentigos tiujn dezirojn.

**Farmakologia Praktiko por Studentoj,** de *H. Hajaŝi* kaj *K. Tamura*, esperantigita de Eskulapida Klubo (Tokio Imperia Universitato) ĵus aperis : kiel la aliaj publikigaĵoj de niaj japanaj samideanoj tiu broŝuro zorge redaktita kaj presita estas taŭga propagandilo en la medicinaj rondoj.

En la numero de **Progreso** (Pol.) de Januaro 1926, komencas nova rubriko titolita « El Scienco » kaj redaktita de nia kolego kaj ĉeĥoslovaka delegito *S-ro S. Kamaryt*. La unua artikolo rilatas progresojn ĉe uzo de karbo.

**Amerika Esperantisto** (Februaro 1926) represas la unuan komunikon de la « Internacia Komisiono de Aera navigacio », kaj la cirkuleron pri « Metodo de propagando en la Scienca kaj teknika gazetaro ». En tiu numero ankaŭ estas interesa artikolo pri propraj nomoj, ne subskribita ; ni priparolos ĝin en venonta numero.

## SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

S-ro **Orengo** sciigas, ke li prilaboras kun S-ro **Peri,** preparon de *itala esperanta teknika radio-vortaro* « kies graveco por la teknika terminaro estos granda, ĉar ili akurate elektis, proponis aŭ forĵetis la vortojn kaj konsideris la antaŭe publikigitajn verkojn tiaspecajn ». Plie S-ro Orengo kunlaboras al preparado de *Fervoja Vortaro* (Maj. Inĝ. Rosher, San-Francisco) kaj aliflanke li komencis « prepari kajerojn, kiel *Fundamenton de teknika Esperanto* nepre necesan ».

La adreso de kapitano **Bormanis,** kiun ni donis en la Bulteno numero 1, paĝo 9-a, devas esti korektata ; ĝi estas : *12 Bauskas kajnieku Pulks, Daugaupils Latvija,* (Latvio).

La **Internacia Aeronaŭtika Federacio** decidis patronadi la internacian aeronaŭtikan vortaron en diversaj lingvoj, el kiuj Esperanto, kiun prilaboras la komisiono starigita de la *III-a Internacia kongreso de aera navigacio* por uzado de Esperanto en aeronaŭtiko. Tiu Federacio plie alportos sian gravan kunlaboradon, petante de la diversnaciaj aliĝintaj societoj, tradukon de la teknikaj terminoj ; pro tio la elekto de la esperantaj vortoj prezentos rimarkindan garantion. Aliparte la publikigado de tiu terminaro estas certa, ĉar la firmo *Chiron* decidis tion fari tuj post kiam la verko estos preta.

Nia kolego S-ro **Flageul,** prezidanto de la Stenografia Esperantista Asocio, vigle laboradis pri la stenografia terminaro ; jam la tradukota klariga teksto estas france redaktita.

D-ro **Baart de la Faille,** 8, Roellstraat, Arnhem (Nederlando) proponas sin kiel fakestron, almenaŭ provizore, de la *Botanika fako ;* ni danke akceptas tiun proponon kaj invitas samfakistajn samideanojn D-ro *Jentsch, el Riesa,* kaj S-ro *Setala,* el Helsinki, interrilatiĝi kun D-ro B. de la Faille. Aliparte, en niaj arĥivoj, ni trovis mallongan verkon, de *P. Berthelot,* pri vegetala organografio, kiu estos sendata al la nova fakestro.

En **La Progreso** (Praha, Decembro 1925) sub la titolo *El sciênco : terminoj sensacio kaj percepto en psikologio*, Profesoro *St. Kamaryt* diras tute prave : « En Esperanto, oni devas atenti, ke tiaj vortoj (tiuj de la komuna lingvo, kiuj, en diversaj sciencoj, estas uzataj por nocioj tre precizaj) konservu, en la faka terminaro, la saman signifon kiel en la komuna lingvo ». Kaj je tiu vidpunkto, li klarigas majstre la signifon de *sensacio* kaj *percepto*.

Ni profitas tiun okazon por diri al *S-ro Ĥromada*, la sindonema direktoro kaj samtempe ĉefredaktoro de tiu gazeto, niajn plej korajn gratulojn pro la interesega enhavo de ĉiuj numeroj, kaj nian admiron pro la granda laboro, kiun necesigas tia publikigado, kaj kiun li efektivigas preskaŭ sola ĉiumonate.

En la numero de Januaro 1926 de **Itala Esperanta Revuo,** troviĝas artikolo pri *La Hora signalado en Venecia haveno*, tre interesa kaj bone redaktita, sed en kiu ni rimarkas esprimojn iom diskutindajn. Unue oni uzas *marŝadon* de kronometro ; ni uzis *iradon* en « Provo de marista terminaro » ; estas pli bone ne ŝanĝi jam uzitan vorton, escepte pro taŭgaj motivoj, kiujn, en tiu okazo, ni ne vidas ; due oni diras *Instrumento de l' Pasaĝoj* ; ĉu *trairadoj* ne sufiĉus, kiel ni proponis ankaŭ ? Fine la *horloĝo* — ne *pendolo* — estas konstruita de la pariza horloĝisto *Leroy*, kaj ne *Lerois*.

En **Esperanto** (Decembro 1925) sub la titolo **Lingvaj studoj : optikaj iloj** estas donata « **nomareto** » **de terminoj rilataj al optiko.** En la antaŭparolo la aŭtoro (nekonata ĉar la artikolo ne estas subskribata) sciigas ke li intencas publikigi « serion da nomaretoj, verkitaj kun helpo de necesaj dokumentoj » ; ke, « per tio, ĉesos periodo de polemiko kaj teoria diskutado » ; fine, ke « oni prezentos la terminojn kontrolitajn kaj reciproke akorditajn ».

Jam de longe ni bone scias, ke estas neeble ricevi de la Esperantistoj organizitan laboradon ; tamen mi opinias necese memorigi, en tiu okazo, ke ekzistas *Sekcio de teknikaj vortaroj*, kies tasko estas alcentrigi la laboradon de la bonvolaj kunlaborantoj pri tiu temo, zorgi pri ilia publikigado,

post kontrolado, kaj fine proponi por oficiala alpreno, la sufiĉe longe provitajn vortojn.

Ĉar la aŭtoro de la nomareto de « Esperanto » tute forgesis tiun organizadon, kaj ĉar la dirita sekcio nenion sciis pri liaj intencoj, ni opinias necese, por eviti daŭrigadon de tiu anarkia metodo, altiri la atenton pri tiu situacio.

Aliparte la plej granda parto de la « kontrolitaj (?) » vortoj troviĝas en la vortaroj de Verax, kaj ŝajnas sufiĉe bone elektitaj ; sed estas neeble certigi, ke ili estas la plej taŭgaj, ĉar ili estas prezentitaj tiamaniere, ke tiu studo ne povas esti farata.

Por tion ebligi, oni devus, kiel jam multfoje ni diris, publikigi tiun nomareton sub la formo sekvanta : unue teksto, donanta, kun difinoj, la terminojn laŭ metoda ordo — kaj poste vortaro de tiuj terminoj alfabete ordigitaj, kune kun iliaj tradukoj en, kiel eble, plej granda nombro da naciaj lingvoj.

Ni esperas, ke, pri la venontaj nomaretoj, oni tiamaniere faros.

Saman rimarkon ni faras pri la **Teknika vortaro por Pedagogio, Logiko kaj Psikologio,** publikigita de *P. Trarbach* en la 91-a numero de *Heroldo de Esperanto* (25 novembro 1925). La angla, franca kaj germana tradukoj estas donitaj, sed tute neeble estas konstati ĉu tiu vortareto entenas eĉ la plej necesajn vortojn de tiuj fakoj, kaj laŭokaze la mankantajn terminojn. Aliparte ni tute ne scias, ĉu tiu verko estas daŭrigita — kvankam ni atendis ĝis nun por ricevi tiun sciigon.

El la **Internacia Medicina Revuo** (1-a numero, 1-a jaro, 1926) : « Tial ke tuta medicina literaturo (precipe multaj « numeroj de ĵurnaloj) estis jam presitaj esperantlingve, ĉu « la eldono de medicina vortaro estas urĝa, aŭ almenaŭ « necesa ? Tre certe. Jen kelkaj kialoj inter aliaj. Unue, ĝis « nun, ĉiu, laŭ sia plaĉo, elektis vortojn, ofte malsimilajn, « por la sama aĵo. Ekz. : albumeno, albumino ; sero, serumo, « k. t. p. ; tia diverseco ne estas bona por nia lingvo. Due, « pro manko de vortaro, multaj ne kuraĝas fari sciencajn « artikolojn aŭ referatojn, timante ke ili ne sufiĉe korekte « skribu. Trie multaj, sen vortaro, ne povas facile legi la « medicinajn artikolojn. Ni opinias ke la manko de vortaro

« estas grava malhelpo por la disvastiĝo de nia lingvo en la « medicinaj rondoj. D-ro B. »

Ni tute konsentas kun D-ro B. pri la utileco de medicina vortaro. Sed ni opinias, ke manko de teknika vortaro malhelpas grave nek propagandon en la rondoj de tiu tekniko, nek publikigadon de tiu-teknikaj artikoloj. Sufiĉe bona pruvo de tio estas nun donata de la progresoj de Esperanto en la medicinaj rondoj de Japanujo, kaj de la multenombraj medicinaj publikigaĵoj, inter kiuj la nova Revuo !

La 20-an de Junio 1925 ni ricevis de *S-ro E. Rosher* (San Francisco) fakestro de la **Fervoja Fako,** jenajn sciigojn, kiujn bedaŭrinde, pro manko da loko, ni ne povis ĝis nun publikigi.

« La kvina volumo de Schlomann enhavas 534 paĝojn sen la indekso. Ĉiu paĝo enhavas ĉirkaŭ 10 esprimojn, do pli ol 5 000 esprimojn entute. De tiu ĉi vi komprenos la amplekson de la laboro farata. Jen la progreso :

Sekcioj 1 kaj 2 (39 paĝoj) pretaj ;

Sekcio 3 (64 paĝoj), atendas la laboron de unu sola laboranto ;

Sekcio 4 (71 paĝoj) originala traduko de du kunlaborantoj progresanta ;

Sekcio 5 (55 paĝoj) tradukita de du el 5 kunlaborantoj kaj sendita al la aliaj ;

Sekcio 6 (69 paĝoj) originala traduko progresanta ;

Sekcio 7 (94 paĝoj) originala traduko progresanta ;

Sekcio 8 (97 paĝoj) tute tradukita de 3 el 5 kunlaborantoj ;

Sekcio 9 (19 paĝoj) tute tradukita de 4 el 5 kunlaborantoj ;

Sekcio 10 (26 paĝoj) tute tradukita de 2 el 5 kunlaborantoj.

La indekso enhavas proksimume 80 paĝojn. Ĉiu paĝo enhavas po 4 kolonojn. Ni ne povas komenci la indekson ĝis la tuta verko estas tradukita.

Tute aparte de la suprecitita, mi mem verkis fervojan terminaron po du paĝoj monate, kiu estas publikigata en *La Fervojisto,* organo de I. A. F. F. Tiu ĉi terminaro estas tute provizora. Ĝi aperis regule de Decembro 1924. Konstruajn kritikojn mi invitas. Mia celo estas inciti lingvajn diskutojn rilate la taŭgecon de la proponataj terminoj inter la fervojaj fakuloj. »

En la unua numero de **Internacia Radio Revuo,** pri kiu ni supre parolas, D-ro P. Corret, eks-direktoro de la Akademia Sekcio de Teknikaj vortaroj diras : «... Estos nia « interesa kaj utila tasko praktike elprovi la radio-termin- « aron kaj havigi al ĝi la vortojn kaj esprimojn, kiuj ankoraŭ « mankas. Nia gazeto interalie povos disponigi taŭgan lokon « por publikigo de tiaj sintezaj tekstoj, kiajn proponis uzi « S-ro Rollet de l'Isle, nuna direktoro de la Akademia Sekcio « por ellaborado de la teknikaj vortaroj ».

Poste D-ro P. Corret konigas kelkajn principojn, kiujn ni tute aprobas.

---

## INTERKORESPONDADO

— Mi deziras kontroli, laŭ eraro malpli granda ol unu kvindekono da grado, ĉu estas ekzakta la gradaro de iu termometro montranta la temperaturojn entenatajn inter 50° kaj 100° (centigradaj). Kiel mi devas fari? Al kiu min turni por tiu laboro? — *Jaccard, 9, rue Voltaire, Lausanne (Svisujo).*

— Kiu povus diri al mi ĉu plenaj serĉesploradoj estas jam nun faritaj pri la influo de glueteco sur la rapideco de ĥemiaj reakcioj katalizataj per diversaj acidoj (organikaj kaj neorganikaj?) — *Jaccard, 9, rue Voltaire, Lausanne (Svisujo).*

— La grava revuo **Revue des Musées** deziras interkorespondadi kun arkeologistoj en la tuta mondo, ricevi kaj publikigadi informojn kaj artikolojn en Esperanto. La sekretario de la esperanta fako estas : *S-ro R. J. Filliâtre, 28, rue de l'Agent Dufraine, Saint-Cyr-l'Ecole (Seine-et-Oise), France.*

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

## (I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn.

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.

**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.

**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.

(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

## SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

Fr. fr.

**Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) . 4.—
**Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) . . . . . . . . . . . . . . . 12.—
**Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle). . . . . . . . . . . . . . 2.50
**Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) . . . . . . . 12.—

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

**Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster). . . . . . . . . . . —.—
**Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) . . . . . . . . . . —.—

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

**Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) . . . . . . . . 5.—

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

## TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.